# Jarlibro de KAEM

# (2009)

# Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado (KAEM)

## Enhavo





## 1. Ni Kudru Reton antaŭ ol Uzi Ĝin!


Ranganayakulu, sekretario de KAEM
<ranganayakulu@gmail.com>


Karaj Aziaj Esperantistoj

Kiam Budho eltrovis la 'veron' de la vivo, li eklaboris disvastigi ĝin. Tiam, li povis emancipiĝi mem anstataŭ instrui al aliaj. Sed li strebis instrui aliajn dum sia tuta vivo. Post Budho, la movado disiĝis en du pecojn. Unua skismo opiniis, ke ne gravas disvastigi la instruon de Budho sed gravas propra emancipiĝo el la materia mondo. La dua branĉo opiniis, ke ni prokrastu nian propran emancipiĝon kaj ni instruu aliajn. Tiuj du branĉoj famiĝis kiel Hinajano kaj Mahajano. Kiu estas ĝusta? Oni ne povas diri.

Kiam Zamenhof elkreis Esperanton el la blua ĉielo, li ne havis tian opcion. Li devis instrui Esperanton al aliaj. Alie la movado por la internacia lingvo ne naskiĝus. Li movadadis dum sia tuta vivo por instrui la lingvon al ceteruloj. Post la centjariĝo, bedaŭrinde, ni ankoraŭ ne havas lukson simple lerni kaj ĝui Esperantan vivon, ĉar esperantistoj en la mondo, pliĝuste en Azio, estas ege maldensaj. En la nuna momento, ne eblas esperante-vivi, ĉar la Esperanto-socio ankoraŭ estas malgranda. Do, ni devus lerni la lingvon por instrui al aliaj! kaj naski multajn!

Kiam mi estis juna kaj volis lerni Esperanton, mia celo estis ĝui la Esperantan vivon: vojaĝi, lerni, studi, helpi, kongresi ktp. Post tridek jaroj, mi ankoraŭ trovas la mondon senhoma kaj Esperanton ne uzebla, ĉar la nombro de esperantistoj en Azio estas malkuraĝiga. Ĝuste pro tio mi turnis min al la movado antaŭ du-tri jardekoj. Ni semas kaj semas. Tre malmultaj burĝonas. Tamen ni semu. Semi en Azio estas pli grave.

KAEM fondiĝis en la jaro 1994. Ĝis nun KAEM organizis kvin Aziajn Esperanto-Kongresojn en diversaj landoj. La lasta kongreso okazis en Barato en 2008. La sesa Azia Kongreso okazos en Mongolio en 2010. KAEM ne nur organizas kaj arigas aziajn esperantistojn sed ankaŭ informas, eldonas, kuraĝigas, apogas ktp. En pasintaj kelkaj monatoj KAEM apogis eldoni la esperanto-vortarojn en Nepalo kaj Srilanko, membrigis multajn aziajn aktivulojn al UEA, donacas librojn al landaj asocioj en Azio. Mi konstatas, ke ankoraŭ ni ne havas eblecon lerni esperanton nur ĝui Esperantan vivon sed havas devon disvastigi la lingvon. Ni konstruu nian reton antaŭ ol uzi ĝin! KAEM estas taŭga kaj ĝusta podio por tion fari. Bonvolu veni kaj aliĝi al KAEM.

## 2. Kio estas la rolo de la regionaj komisionoj?

HORI Jasuo (estrarano de UEA pri landa kaj regiona agadoj)

Nun UEA havas kvin regionajn komisionojn: Afriko, Ameriko, Azio, Meza Azio kaj Norda Afriko, kaj Oceanio. Mankas Eŭropa Komisiono.

Oni kutime opinias, ke la regionaj komisionoj estas necesaj precipe por vigligi la movadon en progresontaj/santaj regionoj. Pro tio oni fondis la komisionojn en tiuj kvin regionoj, sed mi opinias, ke regionaj komisionoj havas alian, pli gravan rolon en la movado.

Mi fariĝis estrarano de UEA respondeca pri tiu afero en 2007, sed por mi, estas ne eble pripensi la tutan mondon. Mi ja scias pri la situacio de Azio, ĉar mi laboris en Azio dum la pasintaj 6 jaroj, sed en aliaj regionoj mi scias tre malmulte. Por fari agadplanon de UEA, unue ni devas kolekti informojn el la tuta mondo, due analizi la situacion, trie starigi la planon surbaze de tiu analizo kaj fine plenumi la planon. Sed ĉu la estraro de UEA povas fari la tuton? Eĉ kolekti informojn estas malfacile. Des pli malfacile estas por la 7-kapa estraro plenumi la planon en ĉiuj regionoj. Do, la rolo de la regionaj komisionoj estas plenumi tiujn 4 paŝojn. Surbaze de kaj pere de la agadoj de la regionaj komisionoj komisiitaj de UEA, UEA povas plenumi la planon en la tuta mondo.

Inter tiuj 5 regionaj komisionoj KAEM plenumas la rolon plej bone, kolektante informojn kaj eldonante la organon “Esperanto en Azio” por 500 aziaj aktivuloj, organizante Aziajn Kongresojn regule, subtenante eldonojn de libroj kaj vortaroj ktp. Pro la progreso de interreto kaj ekonomio kaj pere de KAEM, aziaj esperantistoj multfoje renkontiĝas reciproke kaj tio donas grandan forton al la movado. Dum la UK, KAEM okazigas du kunsidojn fermitan kaj publikan, kaj montras al la mondo, kiel agadas KAEM, kaj kuraĝigas la partoprenantojn.

Mi esperas, ke KAEM pli kaj plu antaŭen paŝos kaj gvidos la mondon. Kaj vere la tagiĝo de Esperanto en la 21a jarcento komenciĝu en Azio. Vivu Esperanto en Azio kun KAEM!



# 3. Kion devas revi aziaj esperantistoj?

(Saluto de Renato Corsetti, eksa prezidanto de UEA, al la 91a Japana Kongreso de Esperanto, oktobron 2004)

Mi ĝojas saluti vin ankaŭ ĉi-jare. Mi aparte ĝojas, ĉar el pluraj signoj oni vidas ke japanaj esperantistoj pli kaj pli surprenas la respondecon helpi la movadon en la tuta Azio evolui. Tio estas io tre bona. Kelkaj kompreneble helpas ankaŭ la eŭropan, kaj tio estas bone konata.

Mi ĉiam opiniis, ke Esperanto havas pli da ŝancoj en Azio ol en Eŭropo. Mi ne ŝercas. Mi parolas serioze. Multaj eŭropanoj perdis fidon je la estonteco, fidon je la propra kapablo ŝanĝi la mondon kaj sekve fidon al aferoj kiaj Esperanto. Mi konsentas ke ankaŭ en Azio ekzistas tiaj fenomenoj, sed mi pensas, ke malpli multe.

Aliflanke la eŭropaj esperantistoj estas admirindaj, ĉar ĉiunokte ili revas, ke ili povas konvinki la eŭropan parlamenton doni iun signon de favoro al Esperanto. Jes, eble temas pri revo, jes, sed ili almenaŭ revas. Tiu revo donas al ili la puŝon proponegi Esperanton kaj esperi pri baldaŭa fina progreso. Ili do sekvas strategion, kiu baziĝas pli sur la decidantoj ol sur la kvanto da lernantoj, kvankam se oni atentas la retajn kursojn ne nepre la lernantoj mapliiĝas.

Sed kiu estas la strategio de neeŭropaj esperantistoj? Foje mi havas la impreson, ke temas pri strategio de la speco: "Ni esperas, ke tiuj en Eŭropo sukcesos!" Mi ne kredas, ke tiu strategio estas bona. En Azio, en Afriko, en Ameriko kaj en Oceanio Esperanto ankaŭ havas multajn ŝancojn, laŭ mi, same kiel en Eŭropo. La ŝancoj estas de alia speco. Ili baziĝas eble pli sur la ordinaraj lernantoj ol sur la decidantoj.

Bonvolu forgesi momente pri Eŭropo, Afriko, Ameriko kaj Oceanio. Certe se Esperanto triumfus en Eŭropo, tio pozitive influus ankaŭ Azion, ĉu ne? Do, kial ne estus vero ankaŭ la malo? Pro aziaj esperantistoj la tasko estas triumfigi Esperanton en Azio, ĉar tio multe helpos esperantistojn en Eŭropo, Ameriko, ktp.

Mi komencas proponi iun principon por ke oni diskutu pri tio: "ni sekvu samtempe kaj ekvilibre la du vojojn: desupran kaj desuban". Mi ŝatas azianojn, ĉar ili sekvas tre bone la vojon desuban (kursoj tradiciaj aŭ retaj, ekzemple). Kion oni povas fari "desupre"? Ĉ'u ni povas pensi pri Esperanto en UN? Ĉ'u ni volas rezoni kune pri eblecoj? Mi proponas al vi kelkajn temojn aktualajn en UN:

2005 - 2015: UN-a jardeko de edukado por subtenebla evoluado
2003 - 2012: UN-a jardeko de alfabeteco
2001 - 2010: Internacia jardeko por kulturo de paco kaj neperforto por la gejunuloj de la mondo
2001 - 2010: Dua internacia jardeko por la elradikigado de koloniismo
Majo 21: Tutmonda tago por kultura diverseco por dialogo kaj evoluado
Aŭgusto 9: Internacia tago de la indiĝenaj popoloj de la mondo

Ĉu estas penseblaj programoj por enmeti Esperanton en tiujn agadojn? Kiu se ne ekstereŭropanoj, kiuj devus pensi pri ili? Mi kredas ke estas tempo malfermi inter ni debaton pri tio, kion devas revi aziaj, afrikaj, amerikaj kaj oceaniaj esperantistoj. Sen revoj ni ne atingos ion ajn konkretan. Ni lasu la eŭropanojn al iliaj revoj, sed ni revu mem niajn revojn.

Multajn bondezirojn por tre sukcesa kongreso!

# 4. Historieto de KAEM

**1990 majo**

1) Unua numero de "Esperanto en Azio" eldoniĝis.
   Eldonanto: prof. d-ro SO Gilsu (estrarano de UEA pri la azia agado)
   Redaktanto: Joachim WERDEN (Polujo)
2) Laborplano de SO Gilsu koncerne al la azia agado (dokumento 1)

**1990 aŭgusta numero**

Anonco pri "senpaga aliĝo de aziaj aktivuloj al UEA"

**1990 decembra numero**

Propono de "Projektoj por la laborplano pri azia movado" (dokumento 2)

**1991 oktobra numero**

Ŝanĝo de redaktanto de "Esperanto en Azio"
Eldonanto: prof. d-ro SO Gilsu (Koreio)
Redaktanto: DOI Ĉieko (Japanio)

**1992 februara numero**

Reviziita "Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D" (dokumento 3)
La 5-a Azi-Pacifika Kongreso de Esperanto en Qingdao, Ĉinio

**1994 julio en Seulo**

Fondiĝo de KAEM (dokumento 4)

**1994 Azia Karavano '94**

Naŭ membroj el aziaj landoj vojaĝis al Koreio kaj kvar el ili Japanio.

**1995**

Eldoniĝis "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio" el Mevo-Libroj en Japanio, laŭ la projekto de UEA, kompilite de s-ino DOI Ĉieko

**1995 oktobra numero**

1) Ŝanĝo de eldonanto de "Esperanto en Azio"
   Eldonanto: TAKEUTI Yosikazu, prezidanto de KAEM (Japanio)
2) Raporto pri KAEM-kunsido (dokumento 5)

**1996 la 22-la 25a de aŭgusto**

La unua Azia Kongreso de Esperanto en Ŝanhajo, Ĉinio (584 partoprenantoj el 18 landoj)

**1999 la 22a-la 25a de aŭgusto**

La dua Azia Kongreso de Esperanto en Hanojo, Vjetnamio (420 partoprenantoj el 16 landoj)

**2001 aŭgusto en Zagrebo**

Oni decidis novan konsiston de KAEM, nome po unu komisionano el Ĉinio, Koreio, Japanio, Barato, Pakistano kaj Vjetnamio (E-asocioj aliĝintaj al UEA)

**2002 majo**

Ŝanĝo de redaktanto de "Esperanto en Azio": HORI Yasuo (Japanio)

**2002 la 23a-la 26a de aŭgusto**
La tria Azia Kongreso de Esperanto en Seulo, Koreio (448 partoprenantoj el 15 landoj)

**2004 la 24a-la 31a de junio**
La 89a Universala Kongreso de Esperanto en Pekino, Ĉinio (2031artoprenantoj el 51 landoj)
Jarlibro de KAEM 2004 aperis.

**2005 majo**
50 numeriĝo kaj 15a datreveno de "Esperanto en Azio"
Jarlibro de KAEM 2005 aperis.

**2005 aŭgusto**
En 2005 Irana Esperanto-Asocio aliĝis al UEA kaj aŭtomate unu reprezentanto de Irano estiĝis KAEM-ano, kaj oni elektis s-ron Reza Torabi tia. KAEM konsistas el 7 membro-ŝtatoj: Barato, Ĉinio, Irano, Japanio, Koreio, Pakistano, Vjetnamio.

**2005 la 25a-la 28a de aŭgusto**
La kvara Azia Kongreso de Esperanto en Kathmando, Nepalo, kiu estis prokrastita de marto ĝis aŭgusto pro la politika malstabilo en Nepalo. Estas malfacile kalkuli precize la nombron de la partoprenantoj. Laŭ la kongresa libro la nombro de la aliĝintoj estis 171. En la "Antaŭ-Kongresa Renkontiĝo" (anstataŭa "kongreso" por kuraĝaj aliĝintoj) partoprenis ĉirkaŭ 100 homoj inkluzive de 24 el ekster Nepalo kaj en tiu ĉi Azia Kongreso ĉirkaŭ 120 inkluzive de 36 el ekster Nepalo. Ĉi-foja eksterlanda partoprenantaro konsistis el 24 japanoj, 6 baratanoj, 2 ĉinoj, 1 aŭstraliano, 1 vjetnamo kaj 2 hispanoj.

**2006 aŭgusto (la 91a UK en Firenze, Itralio)**
Nepalo membriĝis la UEA, sekve Nepala Esperanto-Asocio rajtis sendi sian reprezentanton al KAEM.
KAEM sendis Bharat Ghimire (Nepalo) en aŭgusto kaj septembro al Filipinoj kaj sukcesis fondi Esperanto-Asocio por Filipinoj.
Nova TTT-ejo estis starigita (decembro).
Jarlibro de KAEM 2006 aperis.

**2007 julio kaj aŭgusto**
La 63a Internacia Junulara Kongreso en Hanojo, Vjetnamio
Por sukcesigi la IJK, KAEM sendis 6 nepalanojn al Hanojo, parte subvenciinte.
La 92a Universala Kongreso de Esperanto en Jokohamo, Japanio
JEI invitis 20 aziajn aktivulojn al Japanio. Dank' al tiu projekto la 92a UK sukcesis aziece.
Asocio de Esperantistoj de Taĝikio aliĝis al UEA.
Jarlibro de KAEM 2007 aperis.

**2007 novembro**
KAEM sendis Venkatesh Reddy (Barato) al Srilanko por vigligi la movadon okaze de la 5a Azia Kongreso. Tri el la asocianoj partoprenis en la 5a AK.

**2008 la 11a-15a de februaro**
La 5a Azia Kongreso de Esperanto en Bangaloro, Barato, kun la temo "Esperanto en multlingva Azio". 254 aliĝintoj, 160 partoprenintoj el 29 landoj (el Azio 13, el ekster Azio 16)
Novaj KAEM-anoj estis elektitaj. Prezidanto: LEE Jung-kee (Koreio), Vicprezidantoj: Wang Ruixiang,(Ĉinio), Tran Quan Ngoc (Vjetnamio), sekretario/ kasisto: Ranganayakulu

(Barato). Israelo re-membriĝis al KAEM (KAEM konsistas el 10 membroj).
"Esperanto en Azio" ekeldoniĝis kvarfoje jare (antaŭe trifoje).

**2008 julio**
La 93a Universala Kongreso de Esperanto en Roterdamo, Nederlando
Jarlibro de KAEM 2008 aperis.

**2009 julio**
Nepali-Esperanto-vortaro aperis en marto en nepalo, subvenciite de KAEM.
LEE Jung-kee kaj s-ino Klarita Velikova el Britio instruis Esperanton en Laoso en aprilo, sendite de KAEM.
Jarlibro de KAEM 2009 aperis.

# 5. Gravaj dokumentoj

**(1) Laborplano de SO Gilsu koncerne al la azia agado (majo 1990)**

1. Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj
   Japana Esperanto-Instituto (1956)    Korea Esperanto-Asocio (1976)
   Ĉina Esperanto-Asocio (1980)    Pakistana Esperanto-Asocio (1989)
   Esperanto-Ligo de Israelo (1960)
2. Havi novajn aliĝintajn asociojn
3. Plifortigi aŭ starigi landajn asociojn
4. Semi nian movadon en la landoj, kie ne estas la Esperanto-movado

**(2) Projektoj por la laborplano pri Azia Movado (decembro 1990)**

Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj
Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj, kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altnivelaj instruistoj pri Esperanto
Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA
Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj (pri movado) landoj
Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj, precipe en Japanujo kaj Koreujo
Ĉ-2: studvojaĝo en eŭropaj landoj, precipe en orienta Eŭropo

**(3) Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (februaro 1992)**

Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj
A-1 regule kunveni en ĉiu UK
A-2 interŝanĝadi informojn regule
A-3 kunlabori por sukcesigi la Pacifikan Kongreson en Ĉingdao, 1992
Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj, kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altnivelaj instruistoj pri Esperanto
Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA
Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj
Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)
Ĉ-2: studvojaĝo en eŭropaj landoj
Projekto D: helpi pri E-libroj
D-1: eldono de necesaj libroj
D-2: transdoni librojn de donacontoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj

**(4) La Protokolo de la unua kunsido de KAEM** (julio 1994)

Kadre de la 79a UK en Seulo, oni kunsidis por diskuti pri la azia Esperanto-movado dufoje en la 25a (fermita kunsido) kaj 30a (malfermita) de julio 1994. Laŭ la iniciato de d-ro SO Gilsu, la estrarano de UEA, oni diskutis kaj decidis establi la komisionanon pri azia movado. En la kunsido oni elektis tri elektokomisionojn: d-ro SO Gilsu, s-ro YAMASAKI Seiko el Japanio kaj s-ro ZOU Guoxian el Ĉinio, kaj ili, laŭ la rekomendoj en la kunsidoj de respektivaj asocioj, ŝanĝis la nomon al Komisiono de Komitato, kaj elektis kvin komisionanojn: s-ro TAKEUTI Yosikazu kaj s-ino SYOZI Keiko el Japanio, s-ro ZOU Guoxian el Ĉinio, kaj s-ro Puramo CHONG kaj s-ro LEE Jung-Kee el Koreio.

Tiuj nove elektitaj kvin komisionanoj unuafoje kunsidis en la 28a de julio kaj diskutis frontitajn problemojn pri azia movado kaj jen estas la rezultoj en tiu kunsido.

1. La oficiala nomo de la komisiono estu "Komisiono pri Azia Esperanto-Movado" (mallongige K.A.E.M.)
2. S-ro TAKEUTI Yosikazu estis elektita kiel la ĉefkomisionano, kaj d-ro Puramo CHONG kiel la sekretario de la komisionano.
3. La mandato de la komisionanoj iras ĝis la jaro 1995 en Tamperea UK.
4. La komitato plenumas sian taskon kunlabore kun d-ro SO Gilsu, nuna estrarano pri azia movado de UEA.
5. En la kazo de eksiĝo de komisionanoj, la koncerna landa asocio rekomendas la sekvanton.
6. La unua Azia Kongreso (AK) okazos en Ĉinio, kaj oni komisias la definitivan lokon al la decido de Ĉina Esperanto-Ligo. La plej taŭga tempo por la unua AK estu espereble la komenco de majo de la jaro 1996 kaj la periodo kvar tagoj.
7. La ofteco de AK estu espereble ĉiu tria jaro, sed oni ne plene decidis tion sed prokrastas ĝis la decido en la unua AK.
8. La komisiono morale subtenas la "Internacia Himalaja Renkontiĝo", kiun okazigas Nepala Esperanto-Asocio en la 9a de marto, 1995.
9. La komisiono sendas tiun ĉi protokolon, subskribitan de kvin komisionanoj, al ĉiuj landaj asocioj, instancoj kaj aktivuloj en Azia regiono.

**(5) Kunsido de KAEM (la 24 de julio 1995 en Tampereo, Finnlando)**

3.1.1 renovigo de la mandato de KAEM: finiĝis la oficoperiodo de la ĝisnuna komisionanaro, kaj landaj organizoj elektis jenajn personojn por la komisiono:
ZOU Guoxiang kaj WANG Jianbing el Ĉinio
TAKEUTI Yosikazu kaj SYOZI Keiko el Japanio
Puramo CHONG kaj MA Yong-tae el Koreio
Inter si oni elektis s-ron TAKEUTI kiel prezidanto, s-ron CHONG kiel sekretarion.

3.1.2 Oficoperiodo: trijara

3.1.3 Azia Kongreso okazos ĉiun trian jaron.

3.1.4 Oni nomumis s-inon DOI Ãieko redaktanto de "Esperanto en Azio", oficiala bulteno de la komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado.

3.1.5 Azia Projekto iniciatita kaj prizorgata de SO Gilsu, ĝisnuna UEA-estrarano pri Azia Agado: Leviĝis demando, ĉu KAEM daŭrigu la projekton. Kaj ĝenerala opinio estis pristudi ĝin kaj fari laborgrupon dum la Unua Azia Kongreso.

**(6) Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ (2001~2003)**

Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj
A-1: regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso
A-2: interŝanĝadi kaj sendi informojn

Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj, kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altnivelaj instruistoj de Esperanto

Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA
Projekto Ĉ: helpi pri E-libroj
Ĉ-1: eldono de necesaj libroj
Ĉ-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj Esperanto-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ¤iuj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj

**(7) Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (2004~)**
En 2004 plimultiĝis eroj de la projektoj kiel la nunaj:
Projekto A: Azia Kongreso (A1-2)
Projekto B: Kunlaboro (B1-6)
Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI (C1-4)
Projekto Ĉ: Edukado (A1-2)
Projekto D: Esperanto-libroj (D1-4)

**(8) Gravaj decidoj en la KAEM-kunsido en Vilno, Litovio, en 2005**
1) Oficperiodo de prezidento de KAEM
La prezidanto de KAEM havu 2 oficperiodojn (6 jarojn) kaj ne plu kaj ke la elekto okazu dum la Azia Kongreso.
2) Azia Kongreso okazu ĉiun duan jaron ekde la kvina Azia Kongreso en 2008.

**(9) Divido de Azio en kvar regionojn" (* respondeculo) (2008 la 5a AK)**
Azio estas tro vasta. Ni decidis dividu aziajn landojn en la subaj 4 grupoj, kaj la regionaj respondeculoj (kun *) havu respondecon pri la evoluo de la movado en la respektivaj regionoj.
1) Orienta Azio: Ĉinio*, Japanio*, Koreio*, Mongolio, azia parto de Rusio
2) Sudorienta Azio: Vjetnamio*, Indonezio, Filipinoj, Tajlando, Kamboĝo, Singapuro, Malajzio ktp.
3) Sudmeza Azio: Barato*, Nepalo*, Bangladeŝo, Srilanko
4) Okcidenta Azio: Irano*, Afganio, Pakistano*, Taĝikio*, Uzbekio, Turkio, Israelo

**(10) Aliĝoj al UEA**
1956: Japana Esperanto-Instituto
1961: Esperanto-Ligo en Israelo
1976: Korea Esperanto-Asocio
1980: Ĉina Esperanto-Ligo
1989: Pakistana Esperanto-Asocio
1996: Vjetnama Esperanto-Asocio
Federacio Esperanto de Barato
2005: Irana Esperanto-Asocio
2006: Nepala Esperanto-Asocio
2007: Asocio de Esperantistoj de Taĝikio

# 6. Nomlisto de ĝisnunaj komisionanoj

**1994**
TAKEUTI Yosikazu kaj s-ino SYOZI Keiko el Japanio
ZOU Guoxian el Ĉinio
Puramo CHONG kaj s-ro LEE Jung-Kee el Koreio

**1995-1997**
Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu el Japanio
Ĝenerala sekretario: Puramo CHONG el Koreio
Komisionanoj:
ZOU Guoxiang (poste DAI Song-en) kaj WANG Jianbing el Ĉinio,
SYOZI Keiko el Japanio
MA Yong-tae el Koreio (poste CHOI Yung-huy kaj pli poste LEE Jung-kee)

**1998-2000**
Prezidanto: Puramo CHONG el Koreio
Vic-prezidanto: TAKEUTI Yosikazu el Japanio
Ĝenerala sekretario: DAI Song-en el Ĉinio (poste YU Tao)
Komisionanoj:
PAK Wha-jong el Koreio SYOZI Keiko el Japanio
WANG Jianbing el Ĉinio

**2001-2004**
Prezidanto: HORI Yasuo el Japanio
Vic-prezidanto: TRAN Quan Ngoc el Vjetnamio
Komisionanoj:
Abdul SALAM el Barato, YU Tao el Ĉinio
PARK Chan-Bok el Koreio, Tariq Umar CHAUHDRY el Pakistano
Subkomisionanoj
s-ino SYOZI Keiko, s-ino TAHIRA Masako, s-ro ISINO Yosio, s-ro SIBAYAMA Zyun'iti
s-ro TAKEUTI Yosikazu (ĉiuj el Japanio)

**2004-2008**
Prezidanto: HORI Yasuo el Japanio
Vic-prezidanto: TRAN Quan Ngoc el Vjetnamio
Sekretario: LEE Jung-kee el Koreio
Komisionanoj:
Abudul SALAM el Barato WANG Ruixiang el Ĉinio
Tariq Umar CHAUHDRY el Pakistano
Reza Torabi el Irano (ekde 2005 pro la aliĝo de Irano al UEA)
Indu Thapalia (ekde 2006 pro la aliĝo de Nepalo al UEA)
Subkomisionanoj (6 el Japanio, 2 el Koreio)
s-ino SYOZI Keiko (2004), s-ino TAHIRA Masako, s-ro ISINO Yosio,
s-ro SIBAYAMA Zyun'iti, s-ro TAKEUTI Yosikazu (ĝis 2005), s-ro HAZAMA Hirotomi (ek de 2005)
s-ino CHO Myung-j, s-ino CHOI Eun-suk

Estrarano de UEA pri azia Esperanto-movado
s-ro YU Tao el Ĉinio

**2008-2010**
1. Barato: s-ro P. V. Ranganayakulu (sekretario/kasisto)
2. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang (vicprezidanto)
3. Irano: s-ro Reza Torabi
4. Israelo: s-ino Esther SEBBAN
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro

6. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (prezidanto)
7. Nepalo: s-ino Indu TAPALIA
8. Pakistano: s-ro Tariq Umar Chauhdry
9. Taĝikio: s-ro SHUKUROV Firdaus
10. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc (vicprezidanto)

Prezidanto de UEA: Probal Dasgupta el Barato
Estrarano de UEA pri landa kaj regiona agadoj: s-ro Hori Jasuo el Japanio

# 7. Regularo de KAEM

**1. Rolo de KAEM**

1) KAEM respondecas pri la Esperanto-movado en Azio kiel unu el la komisionoj de UEA.
2) KAEM agadas por Esperanto-movado en Azio, kunlaborante kun ĉiuj landaj asocioj en Azio.

**2. Komisionanoj**

1) Komisionanoj elektiĝas po unu el aziaj landaj asocioj aliĝintaj al UEA, nome Barato, Ĉinio, Irano, Israelo, Japanio, Koreio, Nepalo, Pakistano, Taĝikio kaj Vjetnamio.
2) Ili estas nove elektitaj ĉiun trian jaron.
   *Elektoj okazis en 1995, 1998, 2000 kaj 2004 dum Uk-oj kaj 2008 en la 5a AK (anstataŭ en 2007 en la UKen Jokohamo).
   * Mandatperiodo koincidu kun la elekto de UEA-estraranoj, do en la sekva elekto okazos en 2010 en la 6a AK en Mongolio..
3) Kiam komisionano demisias, lia/ŝia landa asocio elektas la novan.
4) Prezidanto, vic-prezidanto, sekretario ktp. estas elektitaj inter komisionanoj laŭ iliaj voĉdonoj.
5) Oficperiodo de KAEM-prezidanto estu du-perioda, nome 6 jaroj.
6) Komisionanoj devas ĉiam konscii, ke ili estas elektitaj de sia landa asocio kaj devas havi konstantan kontakton kun ĝi.
7) KAEM povas nomumi helpantojn laŭbezone, kiuj helpas la komisionanojn.

**3. Kunsido kaj decido**

1) Kunsido de KAEM estas valida, kiam almenaŭ duono de komisionanoj (inkluzive de la prezidanto) ĉeestas.
2) Decido estas farita per pli multaj voĉoj el la ĉeestantaj membroj. Kiam por- kaj kontraŭvoĉoj estas egalnombraj, la prezidanto decidas.
3) Oni povas decidi per voĉdonoj pere de interreto.
4) Grava decido estas valida post kiam ĝi estas agnoskita de UEA kaj la aliĝintaj landaj asocioj.

# 8. Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.
A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso
B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.
B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:
Japanoj･Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Alilandanoj: 2 eŭroj
B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.
B-6: Eldoni "Jarlibron" ĉiun jaron.
B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**
C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA
C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA.
Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton. (Vidu la detalan regularon)
C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.
*"Juna amiko" eldoniĝas 3-foje jare. Tarifo estu 3 eŭroj laŭ tiu ĉi aranĝo (kompare kun plena tarifo de 12 eŭroj). * S-ro Atilio ROJAS <iei001@tiscali.nl> respondecas.
C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono

**Projekto Ĉ: Edukado**
Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj (Vidu la detalan regularon)
Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj

**Projekto D: Esperanto-libroj** (Vidu la detalan regularon)
D-1: Eldoni necesajn librojn
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj, asocioj.

# 9. Detalaj regularoj pri C-2, Ĉ kaj D

## 1. Regularo pri Projekto C-2 (Membriĝo al UEA)

### (1) Por esperantistoj, kiuj volas membriĝi al UEA

Projekto C de Komisiono pri Azia Esperanto-Movado de UEA (KAEM) celas membrigi aktivulojn al UEA. Loĝantaj en malriĉaj landoj volas membriĝi al UEA, sed ofte financa situacio tion ne permesas. Por solvi tiun problemon UEA kaj KAEM havas buĝeton por helpi tiujn aktivulojn.

Tiuj, kiuj volas aliĝi al UEA, skribu jenajn tri aferojn en unu paĝo kaj sendu per ordinara poŝto al KAEM ĉe Japana Esperanto-Instituto aŭ al s-ro Sasaki Teruhiro (respondeculo pri C-2 <steruhiro@hotmail.co.jp>), kaj ilin senpage atingos UEA-organo "Esperanto" ĉiun monaton dum unu jaro.

1) Konciza sinprezento (Nomo, adreso, naskiĝdato, profesio ktp.)
2) Kiel mi aktivis por nia movado en la lasta jaro.
3) Kiel mi intencas kontribui por la movado en mia regiono en tiu ĉi jaro.

*Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj loĝantaj en la sama adreso.
Limdato: la 15a de decembro
Akceptitoj: Nomoj de akceptitaj membroj aperos en “Esperanto en Azio”.

**(2) Por respondeculo de Projekto C (Procedo por Projekto C)**

1. Varbado (aŭtune)
1-1 Aperigi informon pri Projekto C en la septembra numero de "Esperanto en Azio".
1-2 Sendi la saman informon al landaj asocioj perrete.
1-3 Nombro de varbitoj estu malpli ol 200.
2. Juĝo (januaro-februaro)
2-1 Kontroli la nomojn, adresojn kaj enhavojn
2-2 Fari la liston laŭlande kaj sendi ĝin al Osmo en februaro
2-3 Kiam mankas la varbitoj, denove aperigu la informon en la januara numero de “Esperanto en Azio”.
3. Raporto
3-1 Ricevi la aprobon de UEA
3-2 Sendu la raporton al “Esperanto en Azio”

## 2) Regularo pri Projekto Ĉ (Edukado)

**1. Celo**

Sendi kompetentajn instruistojn al landoj, kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altnivelaj instruistoj de Esperanto.

**2. Principoj**

(1) Tiu ĉi projekto apogas sin sur la bonvoleco de la du flankoj, nome:
1) de la invitanto, kiu akceptas instruiston kaj vivtenas tiun, eĉ se salajro/honorario ne estas pagebla al tiu.
2) de la instruisto, kiu gvidas Esperanton al la lokanoj, eĉ sen salajro/honorario.
(2) Tiu ĉi projekto dependas de Fondaĵo Azio de UEA kaj KAEM estas komisiita pri la distribuo de la buĝeto.

**3. "Kiu pagas kion?"**

(1) Fondaĵo Azio de UEA kovras nur jenojn:
1) bileton por iro-reiro al la lando.
2) 100 eŭrojn, uzendajn por preparo de la kurso
(2) Alia elspezo, nome tieaj restado, transporto, manĝaĵo ktp. estu pagataj de la invitanto de la instruisto.

**4. Kondiĉoj por elekti instruiston**

(1) La invitonto estas la landa asocio de Esperanto en la lando (aliĝinta aŭ ne al UEA), aŭ se tia ne ekzistas, Esperanta grupo aŭ esperantisto(j) aliĝinta(j) al UEA.
(2) La invitonto oficiale petas de KAEM la sendon de instruisto kun la plano de kursoj (nivelo, daŭro ktp.) kaj la garantio de la elspezo pri la vivteno de la instruisto. Salajro/honorario estas bonvena, sed se ne troviĝas tiu ebleco, montru tion klare.
(3) La peton KAEM anoncos en "Esperanto en Azio" aŭ en retlistoj de Esperanto.
(4) Instruisto-kandidato devas montri sian volon, skribinte jenajn aferojn:
1) Nomo, sekso kaj aĝo
2) Adreso
3) Retpoŝta adreso aŭ alia kontakt-maniero
4) Okupo
5) Kariero kiel instruisto de Esperanto aŭ esperantisto ĝenerale
6) Kosto de bileto al la lando (en eŭroj)
(5) La kandidato devas garantii sian kapablon kiel Esperanto-instruisto, montrante unu el la jenaj:

1) atesto de UEA/ILEI
2) atesto de Ĉe-metoda instruisto
3) garantiilo de sia landa asocio pri la instrukapablo
4) titoloj de siaj verkoj, kun bibliografia indiko (aŭ kun TTT-adreso, se ili estas enretigitaj).

**5. Proceduro por decidi**

(1) Kiam la invitonto aprobas la akcepton de la kandidato-instruiston, KAEM anoncas tion al la invitonto, al la instruisto kaj kopie al la ses KAEM-anoj.

(2) La invitonto kaj la instruisto-kandidato priparolu la kondiĉojn, kaj sendu leteron de konsento al KAEM, de ambaŭ flankoj aŭ per komuna letero de ambaŭ subskriboj. Se konsento ne estas atingebla, la invito estas nuligita.

(3) KAEM-ano rajtas kontesti pri la sinteno de la invitonto aŭ de la instruisto-kandidato, kaj peti klarigon. Se KAEM-ano, post la klarigo, ankoraŭ tenas dubon, tiu rajtas konsilon de ĉiuj KAEM-anoj. Kaj KAEM rajtas nuligi la inviton.

(4) Ĝis la buĝeto de Fondaĵo Azio de UEA permesos, KAEM sendos instruistojn al la landoj laŭ la vico de petoj.

**6. Post la instruado**

(1) La invitinto devas sendi raporton pri la kursoj kaj la takso de la instruisto al KAEM.

(2) La instruisto devas sendi detalan raporton pri sia instruado al KAEM.

## 3) Regularo pri Projekto D (Libroj)

**1. Celo de Projekto D: Esperanto-libroj**

D-1: Eldoni necesajn librojn
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkotizon por tio
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj, asocioj ks.

**2. Principo**

Tiu ĉi projekto dependas de Fondaĵo Azio de UEA, kaj KAEM estas komisiita pri la distribuo de la buĝeto.

**3. D-2 Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj**

(1) Fondaĵo Azio de UEA kovras parton aŭ tuton de la eldonkosto, post kiam eldononto mem laŭeble klopodis kolekti monon por la eldonado.

(2) Eldononto (prefere landa asocio aŭ asocio garantiita de la landa asocio) prezentu jenajn erojn al KAEM:

1) Eldononto (nomo, adreso ktp) 2) Titolo de la eldonaĵo
3) Aŭtoroj aŭ kompilantoj 4) Formato kaj nombro de paĝoj
5) Eldonkvanto 6) Eldonkosto
7) Petata sumo de subvencio 8) Signifo de eldonado de la libro

(3) Post la eldono po unu ekzemplero kaj kopio de la kvitanco estu sendataj al UEA kaj KAEM.

**4. D-3 transdoni librojn**

(1) Fondaĵo Azio de UEA kovras parton aŭ tuton de la sendkosto, post kiam la donaconto mem laŭeble klopodis kolekti monon por la sendado.

(2) Donaconto prezentas al KAEM jenajn erojn:

1) Nomo, adreso ktp de donaconto
2) Titoloj de donacotaj libroj
3) Nomo de lando aŭ asocio, al kiu la donaconto volas donaci
4) Sendkosto

(3) Kiam la donaconto ne indikas la landon aŭ asocion, KEAM peras, aperigante anoncon en "Esperanto en Azio".

**5. D-4 Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj, asocioj ks.**

(1) Fondaĵo Azio de UEA kovras parton aŭ tuton de la libro-kosto, post kiam la donacoto mem

laŭeble klopodis kolekti monon por la aĉetado de la lernomaterialoj.
(2) Ricevonto prezentas jenajn erojn al KAEM:
1) Nomo kaj adreso  2) Titolo kaj nombro de lernomaterialoj bezonataj
(3) Pri kurso, en kiu tiuj estas bezonataj
**6. Kiamaniere elekti subvencioton**
(1) Ĝis la buĝeto de Fondaĵo Azio de UEA permesos, KAEM elspezos laŭ la vico de petoj.
**7. Post la subvencio**
(1) La subvenciito devas sendi raporton pri la rezulto al KAEM.

# 10. Aliĝmaniero de landaj asocioj al UEA

(letero de UEA-ĝenerala direktoro Osmo Buller)

Bedaŭrinde la deziro de Nepala Esperanto-Asocio aliĝi al UEA venis malfrue. La estraro de UEA devas unue trakti la aliĝpetojn, kio okazas en la printempa kunsido. Do, NEspA devus sendi la aliĝpeton antaŭ aprilo. Estas tre bone, ke ili volas fariĝi landa asocio de UEA, sed nun ili devas atendi ĝis la UK en Vilno kaj plej laste en marto 2005 sendi la necesajn dokumentojn al UEA. Oni bezonas jenajn: statuto, listo de la membroj, konciza priskribo pri la ĝisnuna historio kaj nuna agado de la asocio. Osmo Buller <direktoro@co.uea.org> 22/julio/2004

# 11. Raporto pri la agado en 2008

**Projekto A: Azia Kongreso**

Azia Kongreso unua okazis en 1996 en Ŝanhajo, Ĉinio, kaj ĉiun trian jaron ĝi okazis en Hanojo (1999), en Seulo (2002), en Kathmanduo (2004) kaj ĉi-foje la 11an-15an de fabruaro 2008 en Bangaloro, Barato. En la unuaj tri kongresoj partoprenis pli ol 400 homoj, sed en la postaj du kongresoj, kiuj okazis en la meza Azio, ne tiel multe sed tiel pli ol 200. Kaj la plej okulfrapa trajto de la 5a AK estis partoprenoj el 29 landoj (el Azio 13). Tiu kongreso ege instigis la movadon ĉirkaŭ Barato: srilankan kaj bangladeŝan movadojn, kaj el Nepalo 29 homoj partoprenis kaj multe helpis al la sukceso de la kongreso. Dum la lastaj 10 jaroj pro la ekonomia evoluo kaj interreto multaj azianoj kapablas vojaĝi eksterlanden kaj tiuj 5 kongresoj donis al ili okazojn rekte renkonti unu la alian.

Dum la 5a Azia Kongreso, ni decidis, ke la 6a Azia Kongreso okazu en Ulanbatoro.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1, B-2: Dum la UK en Roterdamo ni organizis fermitan kunsidon de KAEM kaj fakkunsidon “Azia Agado”. Dum la KAEM-kunsido ni diskutis pri la venonta Azia Kongreso en Mongolio.

B-3: Pri “Esperanto en Azio”, ni decidis eldoni 4 numerojn jare, anstataŭ la eldono de “Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio”. Laŭ tiu decido dum 2008 ĝi regule eldoniĝis, nome n-ro 58 (28-paĝa) en januaro, n-ro 59 (32-paĝa) en majo, n-ro 60 (32-paĝa) en julio kaj n-ro 61 (32-paĝa) en oktobro. Ni presis 550 ekzemplerojn, el kiuj 350 iras al aziaj aktivuloj kaj 150 iros al mondonacintoj al Fondaĵo Azio (ĉefe japanoj kaj koreoj).

B-4: 94 japanoj, 52 koreoj kaj aliaj kelkaj donacis monon al Fondaĵo Azio. Dank’ al ili esperantistoj en la progresantaj landoj povis ricevi la organon “Esperanto en Azio” senpage.

B-5: TTT-ejo de KAEM funkcias bone kaj ĉiuj novaj numeroj de “Esperanto en Azio” aperas en ĝi.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Ni celis aligi Mongolion, sed ne sukcesis.

C-2: Ni membrigis 187 homojn al UEA el Bangladeŝo (1), Barato (3), Ĉinio (64), Filipinoj (3), Indonezio (4), Irano (1), Kamboĝo (1), Kazaĥio (4), Mongolio (3), Nepalo (8), Pakistano (13), Srilanko (2), Taĝikio (6), Turkio (1), Vjetnamio (73). Iliaj nomoj aperis en la TTT-ejo de KAEM.

**Projekto Ĉ: Edukado**

KAEM decidis sendi LEE Jung-kee kaj Klarita al Laoso en aprilo 2004 kaj ni faris la preparon por tio.

**Projekto D: Esperanto-libroj**

En majo-julio 2008 jene KAEM organizis libro-donacadojn:

1) Korea Esperanto-Asocio sendis 11 titolojn de Esperanto-libroj (po 2 ekz.) al Bangladeŝa Esperanto-Asocio, Srilanka Esperanto-Asocio kaj Asocio de Kazaĥaj Esperantistoj

2) Japana Esperanto-Instituto donacis kelkajn numerojn de La Revuo Orienta al Asocio de Esperantistoj de Taĝikio.

3) Libroteko Tokio donace ekspedis 25 librojn al Taĝikio por la Movado en centra Azio.

4) S-ro HORI Jasuo donace sendis librojn al Srilanka Esperanto-Asocio, Bangladeŝa Esperanto-Asocio kaj Indonezio.

La sendkosto de tiuj ekspedoj estis kovritaj per mondonaco de 1301 eŭroj de la redakcio de la libro 'Historio por malfermi estontecon'. KAEM decidis en la 5-a Azia Kongreso tiel, ke la sumo estos uzita kiel sendkosto por libro-donaco al neviglaj landoj.

# 12. Protokolo de Fermita KAEM-kunsido dum la AK




**(En februaro 2008 dum la 5a AK)**

KAEM-kunsidoj okazis kun la ĉeesto de jenaj homoj:

**KAEM-anoj:**

s-ro HORI Jasuo (Japanio), s-ro LEE Jung-kee (Koreio), s-ro WANG Ruixiang (Ĉinio),
s-ino Indu TAPALIA (Nepalo), s-ro TRAN Quan Ngoc (Vjetnamio),
s-ro Abdul SALAM (Barato),
s-ro Hamzeh SHAFIEE (Irano, anstataŭanto de s-ro Reza Torabi)

*La nombor de ĉeestantoj atingis la kvorumon.

**Kunlaboranto de KAEM:** s-ino TAHIRA Masako

**Reprezentantoj de la landaj asocioj:**

s-ro U. Zeiter PERERA (Srilanko), s-ro ENKHEE Chimedtseren (Mongolio),
s-ro PARK Wha-Chong (Koreio), s-ro SHUKUROV Firdaus (Taĝikio),
s-ro Bharat Ghimire (Nepalo), s-ro Muhammad Mahbubul HUQ (Bangladeŝo)

**Observanto:** s-ro Jacob Nordfalk (belgo loĝanta en Nepalo kaj laboranta por nepala vortaro)

**(1) Elekto de novaj KAEM-anoj**

KAEM-anoj elektiĝis laŭ la rekomendo de la respektivaj landaj asocioj. Kaj la novaj anoj estas jenaj:

1. Barato: s-ro P. V. Ranganayakulu 2. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang
3. Irano: s-ro Reza Torabi 4. Israelo: s-ino Esther SEBBAN
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro 6. Koreio: s-ro LEE Jung-kee
7. Nepalo: s-ino Indu TAPALIA 8. Pakistano: s-ro Tariq Umar Chauhdry
9. Taĝikio: s-ro SHUKUROV Firdaus 10. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc

*Pri Israelo: en la laborplano de 1990 Israelo estis membro de KAEM, sed poste laŭ la diskuto dum la UK en Vilno ĝi estis ekskludata. Lastatempe la aparteno de Israelo estis denove diskutita kaj oficiale Israelo deklaris sian volon membriĝi al KAEM. Israelo apartenas al Azio geografie kaj ĝi volas aparteni al KAEM, do KAEM ne havas rajton rifuzi ĝin kaj decidis akcepti ĝin.

**(2) Elekto de la nova prezidanto kaj divido de la taskoj**

Ni elektis unue s-ron LEE Jung-kee kiel la novan prezidanton. Due ni dividis la taskojn jene:

1) Vicprezidanto:
   s-ro TRAN Quan Ngoc s-ro WANG Ruixiang
2) Sekretario/kasisto
   s-ro P. V. Ranganayakulu
3) Projekto A (Azia Kongreso)
   s-ro LEE Jung-kee, kongreslando
4) Projekto B (kunlaboro): s-ro LEE Jung-kee
   Esperanto en Azio:
      Kunlaborantoj de KAEM: s-ro Hori Jasuo /s-ino Tahira Masako /s-ro Isino Yosio (Japanio)
   Jarlibro de KAEM: s-ro LEE Jung-kee
   Ĝemeraj Urboj: Komisiito de UEA: s-ro Wu Guojiang (Ĉinio)
   Retpaĝo: s-ro Reza Torabi
5) Projekto C (UEA kaj ILEI)
   Membrigi aktivulojn al UEA: s-ro Sasaki Teruhiro
6) Projekto Ĉ (edukado): s-ro Tran Quan Ngoc
7) Projekto D (libroj): s-ro Wang Ruixiang

*Pri prezidanto, vicprezidantoj, sekretario/kasisto: Por kovri la vastan Azion (kaj Ĉinion), ni

elektis kvar gravpostenulojn dise el Azio.
*Pri sekretario kaj kasisto: Estis diskuto pri tio, ke unu homo devas ne kumuli tiujn du taskojn, sed nuntempe la du taskoj estas iom nebulaj, do unu homo kumulu, sed poste kiam estos necese dividi la taskojn, ni faru tion.
*Pri "Esperanto en Azio": Nun ni presas 550 ekzemplerojn kaj ekspedis 350 al aziaj esperantistoj kaj 150 al la mondonacintoj. Ĝin redaktas Hori, korektas Tahira, presas Isino kaj ekspedas volontuloj en Japanio. Tiujn taskojn daŭre plenumos la supraj homoj. Ni decidis eldoni ĝin kvarfoje anstataŭ trifoje: en januaro, aprilo, julio, oktobro.
*Pri Jarlibro de KAEM: en 2004 la unua eldono aperis kun diversaj informoj pri KAEM-movado kaj landaj asocioj. Ĉiun jaron ni eldonis la novan kun disdatiĝintaj informoj. Ni presas 100 ekzemplerojn kaj disdonas tiujn al KAEM-anoj, UEA-estraranoj kaj landaj reprezentantoj ktp.
*Pri "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio": Tiu samtitola libro eldonita en 1995 laŭ la projekto de KAEM temis pri la situacio de Esperanto-movado en Azio, kaj en la antaŭaj kunsidoj ni decidis eldoni la libron, sed nun "Jarlibro de KAEM" kaj "Esperanto en Azio" regule eldoniĝas, kaj tiuj havas la similajn enhavojn, do ni juĝis, ke estas ne necese eldoni ĝin. Krome la kosto por presado kaj ekspedo estos granda, do anstataŭ tio ni pliriĉigu Jarlibron kaj eldonu "Esperanto en Azio" kvarfoje (ĝis nun trifoje).
*Pri Projektoj Ĉ kaj D, ni poste decideos la respondeculojn.

**(3) Kongreslando de la 6a AK**

Nur Mongolio oficiale kandidatiĝis kiel la kongreslando de la 6a Azia Kongreso okazonta en 2010. Mongolio prezentis sian planon kaj kelkaj ĉeestantoj demandis pri la situacio kaj historio de la mongola movado. Poste ni voĉdonis kaj decidis la okazigon de la AK6 en Mongolio unuanime, kondiĉe ke Mongola Esperanto-Asocio petu la membriĝon al UEA en 2008. La kongreso okazos en junio 2010.

**(4) Laŭjaraj planoj:**

2008: La 5a Azia Kongreso, Komuna Seminario (KS, Japanio)
Korea Kongreso (oktobro), Japana Kongreso (oktobro), la 2a Mongola Kongreso (junio), Irana Kongreso (marto), Vjetnama Kongreso (okt-nov), Nepala Kongreso (aŭgusto)
2009: Himalaja Renkontiĝo (Nepalo, februaro), Korea Kongreso, Japana Kongreso, KS
2010: La 6a AK (junio, Mongolio), Korea Kongreso, Japana Kongreso, KS, Ĉina Kongreso?
2011: Himalaja Renkontiĝo (Nepalo, februaro), KS, Korea Kongreso, Japana Kongreso
2012: La 7a AK, KS, Korea Kongreso, Japana Kongreso
*La detalojn ni aperigos en "Esperanto en Azio".
Por tiuj eventoj:
1) Sendu la informojn pri la internacia aŭ enlanda kongreso en "Esperanto en Azio".
2) Laŭeble ni partoprenu aŭ partoprenigu aliajn en tiuj eventoj por ke nia kunlaboro pli fortiĝu.
3) Sendu mesaĝojn al la kongreso.
4) Send raporojn al "Esperanto en Azio".

**(5) Divido de Azio en kvar regionojn" (* respondeculo)**

Azio estas tro vasta. Ni decidis dividu aziajn landojn en la subajn 4 grupojn, kaj la regionaj respondeculoj (kun *) havu respondecon pri la evoluo de la movado en la respektivaj regionoj.
1) Orient-Azio: Ĉinio*, Japanio*, Koreio*, Mongolio, azia parto de Rusio
2) Sudorient-Azio: Vjetnamio*, Indonezio, Filipinoj, Tajlando, Kamboĝo, Singapuro, Malajzio, Laoso ktp.
3) Sudmez-Azio: Barato*, Nepalo*, Bangladeŝo, Srilanko
4) Okcidenta Azio: Irano*, Afganio, Pakistano*, Taĝikio*, Uzbekio, Turkio, Israelo

*Pri Israelo: Hori rekomendis, ke Israelo estu sendependa pro sia politika situacio, sed ĉiuj ĉeestantoj unuanime decidis, ke ĝi apartenu al Okcidenta Azio. Esperanto celas rompi murojn inter gentoj kaj religioj, do ni deziras, ke esperantistoj en ĉiuj landoj laboru harmonie por tiu celo, malgraŭ la malfacila situacio en sia regiono.

**(6) Ĉi-jaraj Precipaj Subtenoj al jenaj landoj**

Subaj aferoj estis proponitaj de Hori, sed ni ne atingis la konkludon. Ni nur interŝanĝis la informojn kaj diskutis. Precipe pri la vortaro de Nepalo estis diskuto ne inter KAEM-anoj sed inter nepalanoj, do ni diskutos pri ĝi, kiam la afero en Nepalo solviĝos.

1) Filipinoj: se ni ne plu subtenos ĝin, la movado malaperos. Sendu Bharat denove.

2) Indonezio: subtenu Hazairin, oficiale agnoskitan ĉiĉeronon de Esperanto, per la subvencio al lia vortaro kaj organizo de karavano al Indonezio.

3) Srilanko: Okazigu la Komunan Seminarion inter Barato, Srilanko Bangladeŝo kaj Nepalo, kaj kuraĝigu la srilankan kaj bangladeŝan movadojn.

**(7) Aliaj**

1) Pli multigu mondonacon al Fondaĵo Azio.

Ĝis nun nur japanoj, koreoj kaj tre malmultaj ĉinoj mondonacis, sed nun ĉinoj pli kaj pli riĉiĝas, do ankaŭ ili donacu. Kaj ankaŭ Israelo ktp.

2) Proponu al UEA buĝeton pri Azio laŭ nia propono.

Ĝis nun UEA faris nian buĝeton kaj ni nur uzis. Sed ĉi-jare laŭ nia agadplano ni postulu la buĝeton.

3) Mondonaco de Redaktkokomitato de "Komuna Historio"

En 2007 la Redaktokomitato de Lernolibro de Komuna Historio de Ĉinio, Japanio kaj Koreio eldonis libron "Historio por Malfermi Estontecon" kaj profitis. La komitato donacis 1000 eŭrojn al KAEM, kaj ni decidis uzi tiun sumon kiel la sendkoston por ekspedi brokantajn librojn kolektotajn en Ĉinio, Japanio kaj Koreio al progresantaj landoj.

**(8) Konklude:**

1. Ju pli multe da KAEM-anoj, des pli estas malfacile atingi la kvorumon, sed en ĉi-kunsido estis ses KAEM-anoj kaj unu anstataŭanto el 9 KAEM-anoj. Unuan fojon ni povis havi vere oficialan kunsidon kaj decidis nian agadplanon konkrete. Tio estis tre ĝojinda afero kaj montris la progreson de nia movado.

2. Ni akceptis Israelon kiel la 10an membron. Ni komprenas, ke la situacio ĉirkaŭ Israelo estas malfacila, sed la celo de Esperanto estas harmoniigo inter malamikaj grupoj, kaj nur esperantistoj povos plenumi tion desube. Do ni vere deziras, ke trans la politikaj muroj esperantistoj en tiu regiono klopodu akiri harmonion.

3. Ni dividis Azion en kvar regionojn, kaj KAEM-anoj en la respektivaj regionoj gvidu la movadon tie. Ni deziras, ke ĉiuj KAEM-anoj laboru diligente en sia regiono.

4. En la kunsido unuan fojon ĉeestis srilanka kaj bangladeŝa (kaj eble mongola?) reprezentantoj. Ŝajnas, ke la novaj lumoj aperis. Estas bedaŭra afero, ke pakistana reprezentanto ne ĉeestis pro la ne-amika rilato inter Barato kaj Pakistano. Nia celo estas disrompi tian situacion.

5. Novaj KAEM-anoj ĵuris sian sinceran laboron por la movado kaj fotis kune. Ni estas certaj, ke niaj amikeco kaj solidareco naskos la novan epokon en la tuta Azio.

# 13. Laboroplano inter 2005-2010

**1. Kio estas situacio pri Esperanto-movado?**

1) Kun la ekonomia evoluo en diversaj landoj kaj disvastigo de interreto, naskiĝis favora situacio por Esperanto.

2) Ĝis 2010 okazadis/as multaj internaciaj renkontiĝoj jene en Azio. Ni devas profiti tiujn favorajn situaciojn.

2002 La 3a Azia Kongreso en Seulo, Koreio
2004 La 89a Universala Komgreso en Pekino, Ĉinio
2005 La 4a Azia Kongreso en Kathmandu, Nepalo
2007 La 92a Universala Kongreso en Jokohamo, Japanio
Internacia Junulara Kongreso (Hanojo, Vjetnamio)
2008 La 5a Azia Kongreso (Bengaluro, Barato)
2010 La 6a AK (Ulaanbaataar, Mongolio)
2012 La 7a AK

3) Ni povas klasifiki landojn jene koncerne E-movadon:
*aliĝintaj al UEA
Kategorio 1. Progresintaj landoj: Japanio*, Ĉinio*, Koreio*, Vjetnamio*, Israelo*
Kategorio 2. Mez-progresinatj landoj: Barato*, Pakistano*, Irano*, Nepalo*, Mongolio, Taĝikio*, Uzbekio, Orienta Rusio
Kategorio 3. Person-nivel-landoj: Singapuro, Malajzio, Indonezio, Filipinoj, Sri-Lanko, Tajlando, Kamboĝo, Turkio, Bangladeŝo, eksaj Sovetuniaj aŭtonomioj.
Kategorio 4. Sen-esperantistaj landoj: Nord-Koreio, Birmo, Butano, Laoso

**2. Movadaj celoj**

(1) Plinutri amikecon kaj solidarecon inter aziaj esperantistoj.
(2) Fortigi movadojn en landoj en kategorioj 2 kaj 3:
*Ĝis 2010 landoj en la kategorio 2 apartenu al la kategorio 1 kaj aliĝu al UEA.
*Landoj en la kategorio 3 apartenu al la kategorio 2.
(3) Enradikigi Esperanton en landoj en Kategorio 4

# 14. Kiel sukcesigi la 6an AK? (provizora plano)

Dato: junio 2010
Kongresejo: (Ulanbataro, Mongolio)

**1) Celnombro de laŭlandaj partoprenantoj:**

Japanio: 100 Ĉinio: 50 Koreio: 50 Mongolio: 50
Eŭropaj landoj: 30 Aliaj landoj: 20
Sumo: 300

**2) Enhavo de la kongreso**

Ne kopie imitu UK-on. Laŭ la kapablo de la gastiganto kaj KAEM, ni organizu Azian Kongreson.

Kongresa temo:
Fakaj kunsidoj.
KAEM: prelego laŭ la temo, konversacia rondo, movada kunsido
Ĉinio, Japanio, Koreio kaj Mongolio havu almenaŭ 5 fakajn kunsidojn.
Ceteraj landoj havu almenaŭ unu fakan kunsidon.

* Internacia vespero.
Ĉinio, Japanio, Koreio kaj Mongolio po du
Aliaj landoj po unu

**3) Profita financo**

1. Ŝparu laŭeble.
2. Klopodu profiti por ke la gastlanda movado pli vigliĝu per la profito.
3. Petu mondonacon jene:
   Japanio: 30 eŭroj    Koreio: 15 eŭroj    Ĉino: 5 eŭroj

# 15. La oficialaj protokoloj de KAEM-kunsidoj dum la UK

(dum la 93-a UK en Roterdamo, Nederlando)

## 1) Fermita kunsido de KAEM

* Tempo kaj dato : 16:30~18:00, la 20a de julio 2008
* Loko: Salono Wensing en la kongresejo WTC, Roterdamo
* Ĉeestantoj:

KAEM-anoj
LEE Jung-kee (Koreio/Prez.)/ WANG Ruixiang (Ĉinio/Vicprez.)
SASAKI Teruhiro (Japanio)/ Indu Devi Thapaliya (Nepalo)
Esther Sebban (Israelo)/ Le Thi Thien Thu (Vjetnamio/komisiito de TRAN Quan Ngoc)/ Giridhar. Rao (Barato/komisiito de Ranganayakulu)
UEA
HORI Jasuo, estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado
Observantoj :
YU Tao (Ĉina Esperanto-Ligo)    TAHIRA Masako (kunlaboranto de KAEM)

### Diskuto kaj konkludo de la temoj

LEE Jung-kee prezidis la komisionon kun jenaj temoj.

1. La komisiono por la 6-a Azia Kongreso en Ulanbatoro, Mongolio (2010/06/19~23)

LEE Jung-kee proponis, ke por la sukcesa Azia Kongreso, KAEM starigu apartan komisionon ne nur el KAEM-anoj sed ankaŭ el ne-KAEM-anoj, kiuj aktuale povos engaĝiĝi en la kongresa aranĝo. Post diskuto, oni decidis, ke KAEM fondu la komisionon, kaj la ĉeestantaj KAEM-anoj komisiis la nomumon al la prezidanto de KAEM.

2. Vortaro-eldono de Nepala Esperanto-Asocio (NEspA)

Rilate al financa subteno por eldoni vortaron de NEspA, KAEM-anoj diskutis. Principe la subteno por la vortaro estis akceptita, sed KAEM rekonstatu, ĉu la propono estis oficiale decidita tra demokratia proceduro kadre de NEspA. La petita financo-subteno estis 96,600 rupioj (1400 usonaj dolaroj) por 1000 ekzempleroj.

3. La 27-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana kaj Korea Junularoj en Jokohamo, Japanio (2008/12/27~29)

F-ino Amano Yayoi, prezidanto de preparkomisiono por la 27-a Komuna Seminario, raportis la preparon de la seminario kaj petis atenton kaj engaĝiĝon de aziaj junuloj. KAEM akcentis la fakton, ke junulara Esperanto-movado estas tre grava por estonta azia movado kaj esprimis fortan subtenon.

4. Stafeto-projekto proponita de s-ro WANG Tianyi (Ĉinio)

KAEM akceptis la proponon de WANG Tianyi kaj decidis, ke li estu komisiito por la projekto. Laŭ la irado de la propono, KAEM kunlaboros kun li.

## 2) Oficiala protokolo de Azia Agado

* Tempo kaj dato : 12:00~14:00, la 22a de julio 2008
* Loko : Salono Privat en la kongresejo WTC, Roterdamo
* Ĉeestantoj: ĉirkaŭ 40

Laŭ la prezido de WANG Ruixiang, la kunsido komenciĝis.

Unue, pri ĝenerala azia movado LEE Jung-kee bilde prezentis ĝisnunan movadon per komputilo.

Estis kelkaj demandoj pri la ĉina movado kaj s-ro Wang respondis, kaj aliajn s-ro LEE respondis.

1) Ĉu en Kantono okazis iu seminario en universitato kaj ankoraŭ tiu vivas?

R: La seminario ne realiĝis efektive.

2) Ĉu en Ĉinio oni instruas Esperanton kiel la oficialan lernobjekton?

R: Esperanto estas instruata oficiale en pluraj universitatoj.

3) Ĉu en Nankina-Universitato oni invitas esperantistajn instruistojn?

R: Ĝi oficiale invitas kompetentajn instruistojn.

4) S-ro Daniel Biro havas intencon kursi en la urbo Almata, Kazaĥio, survoje por sia oficeja laboro.

R: KAEM volonte helpos la eventulan kurson en Almata.

Sekve, la landaj reprezentantoj laŭvice prezentis siajn agadojn.

WANG Ruixang el Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL)
Esther Sebban el Esperanto-Ligo en Israelo (ELI)
HORI Jasuo el Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Park Wha-chong el Korea Esperanto-Asocio (KEA)
Indu Devi Thapaliya el Nepala Esperanto-Asocio (NEspA)
Le Thi Thien Thu el Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA)

### Donacoj

1) La prezidanto de KEA transdonis 410 eŭrojn el 44 koreaj esperantistoj al Fondaĵo Azio de UEA.

2) 336 eŭroj, la vendo-sumo de KAEM-budo funkciigita dum la kongreso por Fondaĵo Azio de UEA. Jen organizaĵoj kaj personoj, kiuj ofertis varojn aŭ monon por la fondaĵo. ĈEL/ ELI/ JEI/ KEA/ NEspA/ VEA/ Seula Esperanto-Kulturcentro/ Hori Jasuo/ Eruda Li el Ĉinio/Honkongo/ Ghulam Nabi Parvaz el Pakistano/ KIM Young-myung el Koreio (50 eŭroj)/ Amri Wandel kaj Josef Ŝemer el Israelo (po 5 eŭroj)

## 16. Buĝeto de Fondaĵo AZIO

| (en eŭroj) | buĝeto 2003 | evoluo 2003 | buĝeto 2004 | buĝeto 2005 | buĝeto 2006 | buĝeto 2007 | buĝeto 2008 | buĝeto 2009 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **Saldo jarkomence** | 16369 | 21098 | 25000 | 31000 | | | 32000 | 3200 |
| ENSPEZOJ ................................ | | | | | | | | |
| Donacoj | 4000 | 2620 | 4000 | 2500 | 2500 | 2500 | 2500 | 2500 |
| Rento de kapitalo | 18000 | 18440 | 16000 | 18000 | 15000 | 16000 | 16000 | 16000 |
| **Enspezoj sume** | 22000 | 21060 | 20000 | 20500 | 17500 | 18500 | 18500 | 18500 |
| ELSPEZOJ ................................ | | | | | | | | |
| Vojaĝsubvencioj | 2000 | 320 | 2000 | 4000 | 2500 | 2500 | 2500 | 2500 |
| E-o en Azio | 2450 | 2099 | 1500 | 1500 | 2200 | 2200 | 2200 | 2200 |
| Lerniloj, informiloj | 3000 | 3191 | 2500 | 6000 | 4500 | 4500 | 4500 | 4500 |
| Kontribuo al Canuto | 8000 | 5500 | 5000 | 6500 | 6500 | 7500 | 7500 | 9000 |
| Kapital-Administrado | 750 | 1383 | 1200 | 1350 | 1050 | 1200 | 1200 | 1200 |
| Bankokosto | 225 | 163 | 200 | 200 | 200 | 200 | 200 | 200 |
| Kostoj pro KAEM | 175 | 0 | 500 | 500 | 250 | 250 | | 250 |
| Diversaj kostoj | 250 | 235 | 300 | 300 | 300 | 300 | 300 | 300 |
| **Elspezoj sume** | 16850 | 12891 | 13200 | 20350 | 17500 | 18650 | 18650 | 20150 |
| ................................ | | | | | | | | |
| Saldo jarfine | 21519 | 29267 | 31800 | 31150 | | | 36850 | 30350 |

*Saldo jarkomence+Enspezoj sume=Elspezoj sume (sekvantjara saldo jarkomence)
*Fondaĵo Azio= subtenas la disvastigon de Esperanto en Azio
*Fondaĵo Canuto= Helpas membrigi en UEA homojn el landoj kun transpagaj

## 17. Esperanto-eventoj en Azio en pasinteco kaj estonteco

### Internaciaj eventoj en Azio Dum la pasintaj 10 jaroj:

1999 la 2a Azia Kongreso (AK) (Hanojo), Komuna Seminario (KS)
KS okazadas ekde 1982 ĉiun jaron, komence inter Koreio kaj Japanio,
kaj poste Ĉinio kaj Vjetnamio membriĝis.
2000 la 3a Internacia Himalaja Renkontiĝo (IHR, Nepalo), KS
2002 la 4a IHR (Nepalo), la 3a AK (Seulo), KS
2003 KS
2004 la 5a IHR (Nepalo), la 89a UK (Pekino), KS
2005 la 4a AK (Kathmanduo), KS
2006 la 6a IHR (Nepalo), KS
2007 la 7a IHR (Nepalo), La 63a Internacia Junulara Kongreso (Hanojo),
la 92a UK (Jokohamo), Konferenco de Internacia Ligo de Eesperantistaj-Instruistoj
(Ranzan, Japanio), KS (Koreio)
2008 KS (Japanio)
2009 la 8a IHR (Nepalo)

### 2009

2.07~2.08/ Vintra Lernejo 2009/ Osako, Japanio
2.21~2.22/ La 9a Barata Kongreso de Esperanto/ Puneo, Barato
2.26~3.10/ La 8-a Internacia Himalaja Renkontiĝo/ Nepalo

4.03~4.06/ La 2-a Mezorienta Kunveno/ Iznik, Turkujo
4.25~4.26/ La 19-a Internacia Kurskunveno de Esperanto/ Chongdo, Koreio
5.03~5.05/ La 42-a Tutlanda Esperanto-Seminario/ Sendai, Japanio
5.09~5.10/ La 83-a Kyusyu-Esperanto-Kongreso/ Miyazaki, Japanio
5.15~5.18/ La 1-a Seminario de Pekina Esperanto-Centro/ Pekino, Ĉinio
6.06~6.07/ La 57a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo / Takatuki, Japanio
6.06~6.07 /La 58a Kantoo-Esperanto-Kongreso / Edogaŭa, Tokio, Japanio
6.14 /"Tago de Esperanto" /Japana Esperanto-Instituto, Tokio, Japanio
6.25~6.28/ La 4-a Internacia Meditado-Renkontiĝo / Koreio
6.27~6.30/ La 2-a Junulara renkontiĝo de Oomoto kaj Ŭonbulismo / Koreio
7.09~7.10/ La 1-a Mongola Kurskunveno de Esperanto / Ulanbatoro, Mongolio
8.21~8.23/ Somera Esperanto-Kurskunveno de KEJ / Univ. Yonsei, Wonju, Koreio
9.03~9.04/ La 1-a Irana Esperanto-Kongreso / Irano
9.19~ 9.21/ La 41-a Friska Lernejo / Nose, Osako, Japanio
10.22~10.24/ La 10-a Komuna Israela Esperanto-Semajnfino / Neve Ŝalom Israelo
10.01~10.07/ Seminario pri Silka Vojo-Turismo per Esperanto / Samarkando, Uzbekio
10.10~10.12/ La 96-a Japana Esperanto-Kongreso / Kohu, Jamanaŝi, Japanio
10.11~10.13/ Jarkunveno de Ĉina IKEF / Ŝanghajo, Ĉinio
10.15~10.16/ Seminario pri instruado de Esperanto en Lushan / Jianĝi, Ĉinio
10.17~10.18/ La 2-a Lushan Esperanta Forumo / Lushan, Jianĝi, Ĉinio
10.24~10.25/ La 41-a Korea Esperanto-Kongreso / Seulo, Koreio
11.07~11.08/ La 50-a Toohoku-Esperanto-Kongreso / Jonezaŭa, Jamagata, Japanio
11.21~10.22/ La 10-a Ĉjuugoku-Ŝikoku-Esperanto-Kongreso / Kooĉi, Japanio
12.11~12.12/ Junulara Renkontiĝa Vespero / Harbin, Ĉinio
12.26~12.28/ La 28a Komuna Seminario / Nankin-a Universitato, Nankino, Ĉinio
12.30~2010.1.2/ Transjara Kurskunveno de EPA / Kameoka, Japanio

## 2010

6.05~6.06 (plano) / La 59a Kantoo-Esperanto-Kongreso / Tokio, Japanio
6.05~6.06/ La 58-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo / Nara, Japanio
6.19~6.23/ La 6-a Azia Esperanto-Kongreso/ Ulanbatoro, Mongolio
8.20~8.22/ La 6-a Ĉina Nordorienta Esperanto-Kongreso / Dandong, Ĉinio
10.9~10.10/ La 97-a Japana Esperanto-Kongreso / Nagasaki, Japanio

## 2011

Oktobro / Komuna Kongreso de Esperanto inter Koreio kaj Japanio aŭ inter Japanio kaj Koreio / Busano, Koreio
Samloke kaj samperiode en Busano okazos La 43a Korea Kongreso de Esperanto kaj La 98a Japana Esperanto-Kongreso.

# 18. Landaj Asocioj kaj kontakt-adresoj

*landaj asocioj aliĝintaj al UEA

**1. Afganio**

KAAdEM（Kabul Amika Asocio de Esperanto-Movado) Prezidanto: Samad Qarluq
Adreso: Kabul Afghanistan west of 4th street of Taimany project helvetas Afghanistan swiss association for international cooperation <samad_qarluq@yahoo.com>

**2. Azerbajĝana Esperanto-Asocio**

Aga Nejmatulla str. 34-1, AZ-370033 Baku-33 Azerbajĝano
Prez.ĉe Shaig Bahram oglu Mammadov

**3. Bangladeŝo**

MUHAMMAD MAHBUBUL HUQ <huq_mahbubul@yahoo.com>
75 Naya Paltan, Top Floor Dhaka 1000 Bangladeŝo

**4. Federacio Esperanto de Barato***

5, Archana Corner, Salunkhe Vihar Road, Pune 411 048, Barato <helpo@vsnl.com>
Ranganayakulu PV" <ranganayakulu@gmail.com>

**5. Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL)***

P.O. Kesto 825, CN- 100037 Beijin, Ĉinio <lamondo@163.com> < www.espero.com.cn>

**Honkonga Esperanto-Asocio**

p/a s-ro M. Fidow, City University Ac Dept, 83 Tat Chee Ave. Kowloon Tong, Honkongo

**Tajvana Esperantista Asocio**

p/a Grego Kay, Zhongxing Lie 180.54.8.5, Zhonghe, Taibei, 23570 Taiwan
<colduglas@rocketmail.com>
Kontakut: s-ro Kheih-khah <Rezamenhof@yahoo.com> en Pingtung.
f-ino Klementa (klementina@gmail.com), kiu estas respondeculino de Esperanto-Centro de Kaushiung

**6. Esperanto-Asocio por Filipinoj**

p/a doktorino Lydia Liwanag, Philippine Normal University, Taft Avenue, Manila, Filipinoj 1000 <lydliwanag@yahoo.com> *fondiĝis la 23an de septembro 2006
*Kontaktu: Ruchell Remolacio <ruchl@yahoo.com>
Venus Cruz <mu_zigma@yahoo.com>

**7. Indonezio**

Centro de Esperanto-Studoj S-ro Hazairin R. JUNEP:
Centro de Esperanto Studoj, Pesangrahan # 2, PAKEM, Yogyakarta 55582
Indonezio Tel/fax. 62 274 895452
<hjunep@yahoo.com> <esperantour@yahoo.com.au>

Indonezia Esperanto-Asocio B.J.Haryono
Jl.Taman Pringgodani Dalam II/26 Semarango, Centro Java, Indonezio
(decembre 2007 venis letero kun tri aliaj estraranoj kaj la rezulto de la ekzameno de 21 lernantoj)
*Tiu asocio neniam aperis en Jarlibro de UEA. Subite venis la letero, tamen ili scias la ekziston de KAEM, pri kiu ili mencias en sia letero). Sed ili neniam respondis poste.

**8. Irana Esperanto-Asocio***
No.5, K:Alizade. Kh:Khagani, Darvaze Dowlat, Teheran 1571914351, Irano
<irea.oficejo@gmail.com> <www.sabzandishan.com>

**9. Esperanto-Ligo en Israelo***
P.O.K. 22041, IL-61220 Tel-Aviv ELI@esperanto.org.il

**10. Japana Esperanto-Instituto (JEI)***
JP-162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
<esperanto@jei.or.jp> <http://www.jei.or.jp/hp/esp.htm>

**11. Kamboĝa Esperanto-Asocio**
The Office of the Council of Ministers CHHIM SOKHA
Director of Rural Development Council for Agricultural and Rural Development
Phnom Penh, Kingdom of Cambodia
tel. 011-677-239/012809523 E-mail: chhim.sokha@yahoo.com

Kamboĝa Esperanto-Asocio
CHHIM SOKHA President of KEA and Private Language School Director
Phnom Penh, Kingdom of Cambodia
H/P: (855) 1158 229/(855) 12 809 523 E-mail: Cambodia.esperanto@yahoo.com

* Tiu Chhim Sokha venis al Japanio en 1994 kiel ano de Azia Karavano '94, tamen li malofte respondas al ni.

**12. Kartvelia Esperanto-Asocio**
Ketevan Camebuli str. 25- korp. 2 - ap. 29, GE-380003 Tbilisi, Kartvelio <karesa@mail.ru>

**13. Kirgizio**
2009/2/7, Dmitry DOTSENKO <dmitry-dotsenko@mail.ru>:

Kara LEE Jung-kee,
Kiel mi scias, ne estas tre aktivaj Esperantistoj en Kirgizio nun. Ni estas plej aktivaj Esperantistoj en Kirgizio: www.mynewway.narod.ru)
SXUERMAN Roberto (rschuermanSURpmbxPUNKTOnet; www.schuerman9.org)
BARISXNIKOVO Aleksejo (incomperSURmailPUNKTOru)
JXAKOVO Aleksandro (alcho83SURmailPUNKTOru; ICQ: 421131864)
SXUMAHO Katerino (sunnysmileSURamikPUNKTOru)
KASENKO Anatolijo (tel. 996 312 644185)
AHRAMEEV Semono (asv1989SURmailPUNKTOru)
Romo aw mysoul (registrita en www.lernu.net datumbazo)
Gxildizo aw Jyldyz (registrita en www.lernu.net datumbazo)

**13. Laoso**
S-ro KANNA BARAN PO BOX 4569 Vientianne Capital, Laos PDR

**14. Korea Esperanto-Asocio (KEA)***
Kang Byeon Hanshin Core B/D No 1601 Mapo-Dong 350, Mapo-ku, Seoul, Koreio
<kea@esperanto.or.kr> <www.esperanto.or.kr>

**15. Malajzia Esperanto-Asocio**
p/a Raja Zainal Abidin bin Zahid, 71 Jalan Setiakasih, Bukit Damansara, MY-50490 Kuala Lumpur, Malajzio
Kontaktu: Nicholas Nevan <nicholasnevan@hotmail.com> (eksa UEA-oficisto en Penang).

**16. Mongola Esperanto-Societo**
Poŝtoficejo 49, kesto 412 MN-210349 Ulan-Bator <mn_esperanto@yahoo.com>
*Kontaktu: Chimedtseren Enkhee (ĝenerala sekretario) <enchjo@yahoo.com>

**17. Nepala Esperanto-Asocio (NEspA)***
G.P.O. Box 10518 CPC 102 Kathmandu, Nepal. <nespa.1990@gmail.com>
*Kontaktu: Razen Manandhar <razeno@gmail.com>
Bharat Ghimire <nespa_bharat@hotmail.com>

**18. Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA)***
Esperanto-Markez, Chowk Shahidan, P.O.Kesto 555, PK-60000, Multan, Pakistano
<pakesa@hotmail.com> <www.uea.org/landoj/azio/pakistano.html>

**19. Papua Nova Gvineo**
S-ro John Shadlow Department of Mathematics & Computer Science PNG University of Technology Lae Morobe Province Papua New Guinea Tel: 473 4801 Fax: 475 7667

**20. Rusio (orientaj regionoj)**
**Esperanto-klubo "Pacifiko"**
OIAK, st. Petra Velikogo, 4, 690950 Vladivostoko, Rusio, <esperanto@fentu.ru>
**Junulara Esperanto-Centro**
FOŜTU, str. Puŝkinskaja 10, 690950 Vladivostoko, Rusio <oriento@fentu.ru>
TTT-ejo <http://www.festu.ru/ESPERANTO/INDEX.HTM>

**21. Singapura Esperanto-Asocio**
S-ro Frank Stephan fstephan@comp.nus.edu.sg
105 Clementi Road, Block B#04-04, Singapore 129789, Republic of Singapore
(el Germanio, kaj instruas matematikon en universitato)

* En Jarlibro de UEA 2009 ne troviĝas la asocio.
* Julie en 2007 Razen el Nepalo vizitis Singapuron kaj renkontis jenajn esperantistojn:
+F-ino Zend DV (Ray Chew Win Jin) <zend.dv@gmail.com>, malajziano
+S-ino Jenny Koh jenkoh2005@yahoo.com.sg nun sekretarias la Singapuran Esperanto-Asocion.
+S-ino Sng Siok Hui <siokhui60@hotmail.com>
+S-ro Goh Chok Kun <lingvo1887@yahoo.com.sg>
S-ro Yong Tet Kong, la plej aĝa esperantisto en Singapuro kaj prezidas la asocion

**22. Srilanka Esperanto-Asocio**
p/a U. Zeiter Perera, 197 Indivitiya Road, Hettigama, Ja-Ela, Srilanko
Tel: 94114924419 Zeiter Perera <zeiter.esperanto@gmail.com>

**23. Asocio de Esperantistoj de Taĝikio (AET)***
Dushanbe, Tajikistan, Glavpochtamt a.k.135 734000
<firdaus@espero.tajik.net> (prez.: Firdaus Shukurov)

<saidnabi@mail.ru> (vic-prez.: Saidnabi S) <www.esperanto.freenet.tj>

**24. Tajlando**

MondEtur Esperanto (kompanio por zorgado kaj servado)

111/174-175 M.9 Soi Buakhao, Nongprue Banglamung, Pattaya city, Chonburi provinco 20150, Tajlando

Prezidento Zelimir Pehar: Natruja kaj Zelimir Pehar, 140/45 M.11 Mooban Panthip, Nongprue Banglamung, pattaya city, Chonburi Provinco 20150, Tajlando <zpehar@hotmail.com>

s-ro Wacharin Chinworawatana" <alcheoii@gmail.com>
364 Moo 5, Salaya Sub-district Buddhamondhon District. Nakornpathom 73170. Thailand"
(16-jara knabo, demando venis en junio 2007)

**25. Turkio**

S-ino Sevdiye KATIRCIOGLU
Adreso: PK 635, 16374 Ulucami-Bursa, Turkio (Venis letero en januaro 2007)
S-ro Murat Ozdizdar <mozdizdar@uaa.k12.tr>
S-ro Zahir Gezmen <atimenza@gmail.com Hans>

**26. Uzbekio**

**Taŝkenta Esperanto-Centro**
p/a E. Perevertajlo/, ab. kesto 140, Poŝtamt, UZ-700000 Taŝkent,
Uzbekio <eugeny@esper.gimli.com> <esperuzo@mail.ru>

**27. Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA)***
105 A, str. Quan Thanh, Hanoi, Vjetnamio <viesperas@fpt.vn> <www.vea.vn>

**Landoj, kie ne ekzistas Esperanto(-movado)** 1. Nord-Koreio 2. Birmo 3. Butano



## 19. Nomlisto de KAEM-anoj kaj Taskoj

1. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (prezidanto, foto)
   <esperanto@saluton.net>
   Azia Kongreso kaj ĝeneralaj aferoj (Jarlibro de KAEM ktp.)

2. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc
   (vicprezidanto) <tqngoc38@yahoo.com.vn >
   Projektoj Ĉ (Edukado), Movado en sudorienta Azio
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang (vicprezidanto) <wrxzj@tom.com>
   Projekto D (libroj), Movado en nordorienta Azio
4. Barato: s-ro Ranganayakulu (sekretario/kasisto)
   <ranganayakulu@gmail.com> Sekretaria kaj kasa laboroj (Fondaĵo Azio de UEA, buĝeto kaj kasraporto de AK), suda Azio
5. Japanio: s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
   Projekto C (membrigi aktivulojn al UEA), rusa Azio
6. Pakistano: s-ro Tariq Umar CHAUHDRY <pakesa@hotmail.com>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
   TTT-ejo de KAEM, Movado en Afganio

8. Nepalo: s-ino Indu Devi Thapaliya <luno1962@gmail.com>
Junulara movado en la mez-suda Azio
9. Taĝikio: s-ro Saidnabi S <saidanbi@mail.ru> meza Azio
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de “Esperanto en Azio”)
s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)
Koreio: s-ino CHO Myung-ja, s-ino CHOI Eun-suk

**UEA**



**S-ro Probal Daŝgupta**

S-ro Probal Daŝgupta (Prezidanto, Barato)
<probal53@yahoo.com>

S-ro HORI Jasuo (Estrarano pri landa kaj regiona agadoj, Japanio) <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

**Jarlibro de KAEM (2009)**

Unua eldono: la 20an de julio 2009
Eldonanto: KAEM (Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)
Adreso de KAEM: Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: esperanto@jei.or.jp
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
<http://www.jei.or.jp/kaem/kaem_kap.htm> (malnova)
Redaktoro: LEE Jung-kee <esperanto@saluton.net>